# Konstru-Forumo 7

**Februaro 2007**

Jan Werner, Dřínová 18, CZ-61200 BRNO

## Prologo al la 7-a numero

Oktobre 2006, en la 6-a n-ro de Ko-Fo, mi esprimis mian bedaŭron pro la prokrasto de mia alskribo. Per la samaj vortoj mi povus komeci tiun ĉi leteron. Kialoj de mia longa silento estas pluraj, seriozaj, tamen mi ne volas rezigni, mi deziras plu labori por perfektigo de la konstrufaka Esperanto, kiu estas el la flanko de la ĝenerala movado neglektata kaj ties graveco subtaksata. Bedaŭrinde ni ne sukcesas vastigi nian diskut-grupon, mi petas vin pri helpo en tiu direkto. Grava estas akiro de fakuloj el la anglalingva, germanlingva kaj ekstereŭropaj sferoj.

Intertempe, nome 2006-12-01, mi dissendis la mesaĝon de Fabien van Mook kun lia starpunkto al pluraj diskuttemoj de nia kolektivo kaj petis vin pri esprimo de via opinio. Ne ĉiuj respondis.

## Jarkolekto de TAKE 2007

Post la sukcesa aperigo de la jarkolekto 2006, precipe danke al Fabien van Mook, redaktinto, komenciĝis preparo de la jarkolekto 2007, kies redaktoro estas Bronislav Ĉupin. Mi kopias lian alvokon:

**Iĵevsk, 2007-01-04.** Estimataj kolegoj, per tiu ĉi mesaĝo vi estas invitataj kontribui por la Jarkolekto de TAKE 2007, kiu estos jam la tria. La unuan, eldonitan en 2005, redaktis Jan Werner (Ĉeĥio), la duan, en 2006, Fabien van Mook (Nederlando). Kaj nun venis mia vico redakti.

Dume mi ne havas kontribuaĵojn. Mi atendas ilin de vi. Estas bonvenaj artikoloj verkitaj en Esperanto aŭ tradukitaj el naciaj lingvoj. La artikoloj estu ligitaj kun konstruado kaj arkitekturo.

Se vi jam havas pretan artikolon, sendu ĝin al mi prefere retpoŝte al: <...>. En esceptaj okazoj uzu mian poŝtan adreson: a.k. 6065, Iĵevsk, RU-426006 Rusio.

Se vi dume planas verki (aŭ traduki) artikolon, informu min pri ties temo. Hodiaŭ mi estas informita pri intenco kontribui de Michel Basso, Tania Berger, Pierre Grollemund, Fabien van Mook. Se vi konas eventualajn pliajn kontribuontoj, bonvolu informi min pri ties nomoj kaj adresoj.

Mi esperas je via komprenemo rilate al nia komuna afero kaj via plej baldaŭa reeĥo. Se iuj el vi ankoraŭ ne konas min, do bonvolu legi pri mi en la Jarkolektoj de TAKE 2005 kaj 2006, aŭ en la paĝaro de TK de TAKE http://www.purl.org/NET/take-tk/.

Kore salutas vin Bronislav Ĉupin

## Kontaktoj

**D. Obradović** informas (2006-11-07): Antaŭ kelkaj tagoj mi revenis el Hispanio, kie mi kun la edzino restadis dum kvin semajnoj. Mi tralegis Ko-Fo-n 6, sed mi bezonas la tempon por studi kaj reagi al ĝia enhavo. Tion mi faros en la venontaj tagoj. Nun mi deziras saluti vin post iomete longa tempo, antaŭ renkontiĝo en Dobřichovice (KAEST). Bedaŭrinde ĉi-jare mi ne povas partopreni ĝin.

Aparte mi deziras atentigi pri antaŭvidata tempo por terminologia fako en la 7a kongreso de EEK en Maribor, de 2007/07/28 ĝis 2007/08/05, www.esperanto-maribor.si. Por Terminologio 1 (scienco kaj tekniko) estas planata 2 foje po 1,5 horoj (lundon kaj mardon antaŭtagmeze) kaj 1,5 horoj por konkludoj (ĵaŭdon posttagmeze).

Mi opinias ke ni (terminologia komisiono de TAKE) devas pripensi kaj prepari nin por uzi tiun tempon. Ĉeftemo de la kongreso estas AKVO, sed ni povas elekti por nia renkontiĝo temon laŭ nia intereso. Laŭbezone ni povas ricevi eĉ pli da tempo. Mi petas vin informu pri tiu ĉi eblo, kiun ni devus bone utiligi. Korajn salutojn de Djordje.

2006-12-26 D. Obradović informis pri lia „pli direkta“ retadreso: <...>.

**Rémy Bouchet** aŭdiĝis retpoŝte 2006-12-09, adr.: <...>. Li komentis Ko-Fo 6 kaj proponis por diskuti kelkajn terminojn – vidu koncernaloke. Dankon al li!

**Pierre Grollemund** (2006-12-10) informis, ke li ne kompetentas pri la statikaj nocioj, sed ke li tamen kun plezuro legos la diskuton. Pri tegmentado li plu kunlaboros. La Jarkolekto de TAKE 2006 faris al li ege bonan profesian impreson kaj gratulas al ĉiuj kunlaborintoj, precipe al la redaktoro kaj eldonintoj.

**József Halász**, FD de UEA por fervojoj en la hungara Miskolc, tradukis la Terminaron pri betono kaj betonistaj laboroj al la hungara kaj jam longe klopodas, ke tiu esperanta terminaro estu adaptita al la kvar lingvoj de kunlaboranta „Viŝegrada landaro“, nomata V4: Ĉeĥio, Hungario, Pollando, Slovakio. Kiel membro de inĝeniera ĉambro li jam parte sukcesis, pri la laboro estis komisiita la ĉeĥa inĝeniera ĉambro, sed lastatempe ĝi la taskon bagateligas. Inĝ. Halász skribis al mi:

Nun la ĉeĥoj ne klopodas eldoni la terminaron, ili diris, ke tiuspeca terminaro jam ekzistas, ke ne estas grave eldoni la proponitan. Estas tre interese, ke la slovakoj havas emon agadi sur tiu tereno. Nun mi ricevis informon, ke la 1-2-an de februaro 2007 en Bratislavo ili organizas kunvenon. Se eblos, mi partoprenos ĝin. Kiel vi scias, mi pretigis la hungaran tradukon, kiun reviziis profesoro de la Budapeŝta Teknika Universitato. Eble kelkloke la originala Esperanto-teksto bezonus iom da modifoj. Ne temas pri gravaj ŝanĝoj. Mi pensas, ke mia pozicio en Bratislavo fortiĝus, se mi povus prezenti parton de la terminaro kun hungara kaj ĉeĥa difinoj. Mi sendas al vi la unuan ĉapitron de la terminaro. En tiu parto la difinoj ne estas diskutindaj. Mi petas vin, bonvolu aldoni la ĉeĥan tradukon de la difinoj, kaj la kompletigitan materialon resendi al mi. Mi presos kaj kunportos ilin. Mi esperas, se la slovakoj ekvidos la ĉeĥan kaj hungaran tekstojn, ili pli entuziasme agados kaj pretigos la slovakan parton. Tielmaniere mi ŝatus ekmovi la stagnantan aferon. Kun amika saluto: Jozefo

WE: La peton mi plenumis kaj mi petas Jozefon Halász informi nin pri la rezulto.

**Horváth Sándor** (Hungario) informis min, ke li tajpis la libron de Miroslav Tůma el Brno „Pri la varmo", manlibron pri termodinamiko:

Post plurjara laboro mi finis la enkomputiligon de la libro de Tůma: Pri la varmo. Ĉar vi estas samlandano de la aŭtoro, mi sendas la materialon unue al vi. Mi esperas, ke eble persone vi, aŭ iu de vi konata fakulo povas enrigardeti aŭ eble tralegi la verkon. Mia demando estas, ĉu mi rajtas kun kvieta animo sendi ĝin al la STEB de HEA en Budapeŝto? Mi atendas vian reagon. Saluton Aleksandro

WE: Kara Aleksandro, mi ankorau ne havis tempon por la tralego de la retajpita verko, sed mi klopodis, dume senrezulte, trovi filinon de d-ro M. Tůma, jam antau pluraj jaroj mortinta, kaj peti de ŝi permeson publikigi la verkon en interreto (STEB). La serĉadon mi daŭrigas. Kvankam la tralegon mi ne rifuzas, mi demandas la ceterajn kunlaborantojn, ĉu iu el ili estas preta almenaŭ parton fe la libro revizii. Bonvolu skribi al mi (WE) kaj al la tajpinto: <...>

**Nekunlaboro.** En Ĉeĥio mi denove kontaktis tri fakulojn. Inĝeniero, profesie statikisto, Josef Trojan (prezidanto de Esp. klubo en Praha) ne respondis. Jan Kalný, inĝeniero longjare praktikinta urbanismon, suferas pro tempomanko kaj ne partoprenos nian laboron, Anna Vyšinková, arkitektino, ne kunlaboros pro nesufiĉa scio de Esperanto.

## Ni estas invititaj al Eŭropa Esperanto-Kongreso en Maribor – Slovenio

Maribor estas loĝloko de nia kunlaboranto Djordje Obradović, kiu aktive partoprenas en la preparlaboroj por la kongreso, li informis nin pri planataj terminologiaj sesioj – vidu supre en „Kontaktoj".

Estas inde la inviton akcepti. Mi demandas vin ĉiujn, ĉu vi planas la vojaĝon al la 7-a Kongreso de Eŭropa Esperanto-Unio, bonvolu informi min (WE) kaj D. Obradoviĉ (retadreso supre). Detalojn vi trovos en interreto: www.esperanto-maribor.si. Mi plej verŝajne ne partoprenos, kialoj estas du: kiel pensiulo en postsocialisma lando miaj financaj rimedoj estas limigitaj, krome mi preparas kompletan renovigon de tegmenta ĉarpentaĵo kaj tegmento en nia familia kampara domo. Tio estas la ĉefa baro por mi.

## Ni solvas termin-vakaĵojn

**6 Pri „kver" kaj kelkaj nocioj en statiko.** En la 6-a n-ro de Ko-Fo mi detale prikomentis la staton de nia diskuto, mi listigis 14 nociojn/terminojn, kiuj estas klaraj, do interkonsentitaj. Plu mi menciis sep nociojn, kies terminojn estas necese plu diskuti direkte al akceptebla solvo. Mi ilin ĉi tie unun post la alia prezentos kaj notos la starpunktojn de la kolegoj, kiuj en la afero rezonis.

**premdifekto**, dispremo, kontuzo. El tiuj proponoj Fabien van Mook, Bronislav Ĉupin kaj Rémy Bouchet preferas „premdifekto". Mi plene konsentas, ĝi estas akceptita.

soloŝarĝo, koncentrita ŝarĝo, **punktoŝarĝo**. El tiuj proponoj Fabien van Mook, Bronislav Ĉupin kaj Rémy Bouchet preferas „punktoŝarĝo". Mi plene konsentas, ĝi estas akceptita.

**streĉ(ad)o**, streĉoefiko, fortostreĉado, fortefiko. Tiun ĉi nocion mi ne povas fermi, ĉar ĝi ne estas klara al Fabien van Mook, Bronislav Ĉupin ne esprimis sin, Djordje Obradoviĉ entute ne esprimis sin koncerne la diskutatajn aferojn, sole Rémy Bouchet skribis al mi, ke „la difinoj pri ŝarĝo kaj streĉo, skribitaj en la letero el 1-a de decembro 2006 (rezono de WE al la mesaĝo de Fabien van Mook el la 29-a de novembro 2006) estas por mi tute klaraj." El tiu stato rezultas, dume, ke sole la kolego Bouchet kaj mi akceptas la difinon de **streĉo** laŭ NPIV: „Apliko de forto al parto de la korpo aŭ al pli-malpli elasta objekto… Ĉiu el la agoj de fortoj, kiuj deformas korpon: flekso, kunpremo, tordo, tiro, tondo."

Mi ripetas mian rezonon el la letero dissendita la 1-an de decembro 2006:

**Ŝarĝo** (*loading, load; Belastung; charge; nagruzka*) estas aranĝo de unu aŭ pluraj fortoj efikantaj al korpo aŭ konstrukto. Statika ŝarĝo estas tempe nevaria, dinamika ŝarĝo en la fluo de tempo varias. En la senco ĝenerala estas eble kiel ŝarĝon konsideri tiajn efikojn (ankaŭ temperaturajn, klimatajn, prestreĉon,

*„creep, plastic flow“*), konsekvence de kiuj okazas ŝanĝoj en tensio-stato. Specoj de ŝarĝo estas ekzemple: centra, permesata., dinamika, statika, elcentra, ideala, pulsanta, kriza (krita), okaza, ekvivalenta, movebla, unuforma, simetria, kontinua, permanenta., alterna, triangula, utila, neĝa, venta, testa k.a. – Mi supozas, ke estas klare, ke la adjektivaj determiniloj (pliparte) ne povas aperi ĉe la nocio streĉo.

**Streĉo** (*stress, tension; Beanspruchung; effort, sollicitation; usilie, naprjaĵenie*) estas tensio en punkto de elasta korpo; sumo de kondiĉoj, kiuj formas ŝarĝon, resp. ties efikon. La bazaj streĉoj estas: tira, prema, fleksa, torda… ankaŭ kombinita, statika, dinamika, ankaŭ ekspluata, reala, kriza. Ripetata ŝarĝado kaj deŝarĝado estigas streĉon pro laciĝo (aŭ fatigo – vidu sub n-ro 13) Miaopinie estas nepre necese distingi ŝarĝon disde streĉo.

Mi petas rekonsideri la streĉon flanke de Fabien van Mook kaj ankaŭ de la kolegoj Obradoviĉ, Halász kaj Horváth, event. ankaŭ de P. Grollemund.

**Tensio** – akceptata de Fabien van Mook, Rémy Bouchet kaj mi. Se ne kontraustaros la kolegoj B. Ĉupin kaj D. Obradovoĉ, mi pretos fermi la diskuton pri ĝi kaj uzadi la terminon laŭ la difino en Ko-Fo 5.

**Subtena reakcio** – difinita en Ko-Fo 5, responda al la NPIV-a „reakcio 4“.

**Subtenilo** – difinita en Ko-Fo 5, responda al materia prezentiĝo de teoria/kalkula „subtena rekcio“.

**7 Efektivo**. La termino kaj ĝia nocio estis detale priskribita en la 5-a n-ro de Ko-Fo. Se mi bone memoras, B. Ĉupin preferas „performanco“. R. Bouchet informis min: „En Ko-Fo 5 la klarigoj de Fabien van Mook estas tute klaraj. Kiel vi, mi akceptas efektivon.“ Mi atendas ankoraŭ pliajn voĉojn. – Mi notas, ke la terminon *„performance“* en aktivaj spacaj artoj mi diskutis en ĉeĥa esperantologia rondo kaj submetis ĝin al terminologia analizo. Konsekvence mi proponis en tiu fako uzi la terminon „performanco“, sed ne surbaze de la elprunto el la angla aŭ franca, sed surbaze de ĝia latina etimologio. Se vi esprimus deziron, mi venonte koncize priskribus la analizon. Nun mi aldonas, ke prefere la internacia vorto performanco ne estu polisemia kaj ke estas konvene nian nocion diferencigi kaj esprimi ĝin per „efektivo“ (povo alporti konsiderindan efekton).

**8 Tretejon** mi konsideras akceptita. Sed samtempe ni ekdiskutis pri la vertikala vid-flanko de ŝtupo. Fabien van Mook proponis „subŝtupo“, Rémy Bouchet „subŝtupaĵo“ aŭ io alia indikanta, ke io konkreta staras sub la ŝtupo. B. Ĉupin akceptas „**subtretejo**“. WE: Ni imagu ŝtupon kiel masivan elementon kun triangula kverprofilo, kiu havas supre tretejon, sube estas dorsoflanko aŭ reversa flanko de la ŝtupo, se ĝi estas lokita libere en spaco, ĝi havas du frontojn. Sed kiel nomi la antaŭan vertikalan flankon. Jes, ĝi estas flanko, vidflanko, ĝi logike ne povas esti subŝtupo, nek subŝtupaĵo. Sed mi bone imagas ĝin kiel subtretejan flankon, do subtretejon (= io, kio estas sub tretejo). Mi pledas por subtretejo aŭ io alia, kio estus logika. Al s-ro Bouchet mi diras: jes industriaj ŝtuparoj, ofte ŝtalaj, ne havas subtretejon. Tio estas normala.

**9 Ŝtupara lumeto** al vi ne oplaĉas. Bone. R. Bouchet: „La franca nomo estas *jour* (aperturo, kiu lasas lumon trapasi); mi bedaŭrinde ne scias, kion proponi por nomi tiun liberan spacon.“ B. Ĉupin skribis: „Mi konsentas akcepti la nocion **lumspaco**.“ WE: Mi ne estas kontraŭ „lumspaco“. Mi petas rekonsideri la lastan proponon kaj skribi al mi vian opinion. Aldone: (de) Treppenauge = ŝtuparokulo; (ru) zerkalo, t.e. spegulo, same kiel en la ĉeĥa.

**10 Streni.** Mi detale priskribis la nocion, aldonis tekston el „Fervojfakaj kajeroj“. Nove reagis sole R. Bouchet, sed sen esprimi klaran starpunkton. Li aldonis eltiron el kvinlingva leksikono: strain (en) / verforming (nl) / Verformung (de) / deformación (es) / deformazione (it) / déformation (fr). R. Bouchet daŭrigis: En „Aviada terminaro“ estas skribite: stren/o – kvazaŭ laciĝo de materialo, pro konstanta ripetita streĉo,. kio povas konduki al misformiĝo aŭ rompiĝo de peco.“ – WE: Tiu difino estas nepre erara, ne temas pri materiala laciĝo, sed pri troa streĉo kaj sekve deformiĝo. La diskuton iniciatis Fabien, mi demandas lin, ĉu la diskuton daŭrigi (en NPIV la radiko stren/ ne estas, en la granda eo-de vortaro de E.D. Krause (1999) ĝi estas kun la ekvivalento: *Beanspruchung*, kiel verbo streni tie estas notita *(tr Materia)l beanspruchen*. Mi estas certa, ke Krause eraris, ĉar *beanspruchen* estas streĉi. Mia persona opinio estas, ke ies uzo de „streni“ en pasinteco ne estis nenecesa, ke ni ne estu trudataj la radikon stren/ akcepti, laŭ mia opinio por la nocio plene konvenas la radiko deform/ - deformi, deformiĝo, deformo, kiu estas uzata preskaŭ en ĉiuj eŭropaj lingvoj. Mi scias, ke ĉe la fenomeno de deformo ekzistas denove du vidpunktoj, nome la ekstera efiko de trostreĉo (streno) kaj la konsekvenca rezulto deformo. Se vi volas la vidpunktojn distingi, ni poste povus akcepti ambaŭ. Mi notas, ke la ĉeĥa lingvo distinas ilin: streno = přetvoření; deformo = deformace. Bonvolu esprimi vin.

**11 Kvoto, kvoti** (laŭ F. Azorin). F. van Mook: „Mi dubas, ĉu la tradukoj en Azorin ĝustas. Mi opinias „kvoton“ kiel (realan) dimension aŭ indicon pri (reala) dimensio.“ R. Bouchet: „Mi trovis ĝin en franca-esperanta vortaro kiel tradukon de la franca vorto „cote“ kaj kvoti por la verbo „coter“, kun la signifo, kiu estis skribita en Ko-Fo 6. Same kiel vi, en mia profesio la francaj vortoj cote, coter, cotation (kvotado) estas tute ne elturneblaj. Mi trovis ilin ankaŭ en malnova vortaro, kompilita de Ch. Verax en 1910 kaj eldonita de Hachette.“ WE: La opinion de Fabien van Mook mi ne komprenas, la informo de R.

Bouchet estas formulita plene laŭ mia ideo. Tamen mi proponos ioman ŝanĝon de la origina kvoto, kvoti, mi sendos al vi perpoŝte, post 2-3 semajnoj, 37-paĝan kajeron pri la afero de kvotado, miadire „koteado“.

**12 Edifico**. Jam longe mi agnoskas tiun nomon por domkonstruaĵoj, kiuj per sia koncepto kaj dimensio estas signifaj. Ne temas pri ekzemple familia domo, kutime ankaŭ ne pri loĝdomo, ĉar NPIV difinas la nomindikon „domo“ kiel „konstruaĵon por homloĝado“. La radiko *edific* estas internacia kaj en Esperanton enkondukis ĝin Francisko Azorin jam en la jaro 1932, vidu la verkon „Universala Terminologio de la Arkitekturo (arkeologio, arto, konstruo k. metio)“. Citaĵo: *Edifico – L. oedificium; el aedes + facere (konstruaĵo fari). Ekvivalentoj: es: edeficio; po: edificio; it: edifizio; fr: édifice, bâtiment; en: edifice, building; de: Gebäude, (oediculum). Konstruaĵo havanta internan spacon por loĝa, religia, milita, amuza celoj. Edifici = Konstrui edificon.* – Mi aldonas, ke la vorton „edifico“ mi legis ankaŭ en la verko de K. J. Moberg „Konstruteknika terminaro sveda-esperanta“ (1958): *Kructegmento – du egalaj seltegmentoj, kiuj tranĉas unu la alian super* ***edifico*** *kun kvadrata planformo.* – Mi petas vian esprimiĝon, ĉu vi akceptis aŭ akceptas la nomindikon por via faklingva praktiko. (Konstruaĵo ja estas ankaŭ ŝoseo, tunelo k.s.)

**13 R. Bouchet** ĉi-sube prezentas por prikonsidero liajn problemojn en la fako de ŝtalkonstruktoj (jen lia teksto): La 4 vortojn, en kvin lingvoj, mi prenis en *LEXICON Technical Terms for Steel Construction and Related Fields*, eldonita de la CECM en 1985; (eŭropa konvencio pri ŝtala konstrado). La signifojn mi priskribis helpe de francaj tekstoj, kiujn mi tradukis.

**a)** buckling (en) / het knikken (nl) / Knicken (de) / Pandeo (es) / svergolamento (it) / flambement (fr) / **knikado** (eo). La esperanta traduko, kniko aŭ knikado, estas elpruntita el la germana lingvo (Knick, Knickung). Do solvita. – WE konsentas.

**b)** lateral-torsional buckling (en) / het kippen (nl) / Kippen (de) / pandeo lateral (es) / instabilità; flesso-torsionale (it) / déversement (fr). *„déversement“* estas fenomeno de nestabileco el la dua ordo, kiu efikas sur fleksatan trabon, kies membro ne estas sufiĉe blokita transverse. („Knikado“ de la premata parto de almo). Por tiu ĉi dua nocio mi ne vidas esperantan nomon. Pro la parenceco kun la unua fenomeno – *knikado* – ĉu eblus elprunti el la sama fonto, la germana lingvo, la vorton *Kippen?* El la kvin naciaj terminoj, reciproke nesimilaj, ĝi estas la plej simpla. Mi do proponas la neologismon: **kipado.** Ĉu valoras? – WE ne rekomendas la solvon, la rezonon vidu sube. En (de) estas uzata ankaŭ *Ausbiegung*, (cs) *vybočení*.

**c)** local buckling (en) / het plooien; het uitplooien (nl) / Beulen; Ausbeulen (de) / abolladura (es) / imbozzamento (it) / voilement (fr). *„Voilement“* estas fenomeno de nestabileco, nestabileco de formo, kiu efikas ĉefe sur almo de fleksata trabo, kaj ne sur la tuta premata membro, kiel en la kazo de *"déversement"*. Tiu fenomeno okazas ĝenerale pro la nesufiĉa dikeco de la traboalmo. (Traboj en la formoj de I, H kaj II). En la nova PIV estas pri la tria nocio la vorto: **ebentordiĝo,** ĉu akceptebla? aŭ prefere ebenmisformiĝo? aŭ ĉu iu havas alian proponon? – WE opinias, ke ne temas pri „tordiĝo“ – la opinio estas notita sube.

**d)** fatigue (en) / vermoeiing (nl) / Ermüdung (de) / fatiga (es) / fatica (it) / fatigue (fr). *„fatigue“* estas fenomeno kiu kondukas al rompiĝo de iu materialo (ĉi tie ŝtalo) sub efikado de ciklaj tensioj, ripetataj aŭ alternaj, kies maksimuma valoro estas malpli granda ol la tiro-rezisto de la materialo. La parametroj de la *„fatigue“* estas: la nombro de cikloj, la tipo kaj la konsisto de materialo (ŝtalo) kaj la intenseco de efikanta forto. (Traduko de teksto el vikipedia). Ĉefe grava, ekzemple, pri traboj sur kiuj veturas ponta gruo. En *LEXIQUES des TERMES SCIENTIFI-QUES de Jacques Joguin kaj eldonita de L'Harmattan*, mi trovis du tradukojn : ***trivo*** kaj ***fatigo***. la vorto trivo estas en la vortaro: *Kemia kaj Scienc-Teknika Vortaro – Doug Portman et Donald Rogers Ed. D. P. Naperville, Illinois, USA 1993*, (mi ne konas tiun vortaron) sed post konsultado de la nova PIV, mi alvenis al konkludo, ke la vorto ***trivo*** tute ne taŭgas. Ĉu la dua vorto ***fatigo*** estas ekceptebla? Ĝi estas komuna al 5 lingvoj (en,es,it, fr) kaj eĉ en la portugala (fatiga) aŭ ĉu simple akcepti la esperantan vorton **laciĝo**? – WE: ambaŭ konvenas, ni elektu unu.

WE: Koncerne la nociojn b) kaj c): Laŭ mi, ĉe la premata supra parto de trabo okazas ĉu loka, ĉu pli vasta laŭlonga deforma flankenŝoviĝo, simila al la tutprofile premata kolono suferanta knikon. La germana *kippen* signifas „perdi transversan stabilecon kaj **klini sin**, **fleksiĝi**“, laŭ certa longo, depende de „libera longo“ (neblokita longo), dum *beulen* mi imagas kiel lokan misformiĝon kvazaŭ pro „ŝvelo“ (*Beule*). La ebentordiĝo ŝajnas al mi neadekvata. La germana *kippen* estas en Krause-vortaro egala al klini, renversi, perdi la ekvilibron. Ĉu do uzebla? Por la nocio b) mi proponas simplan „defleksiĝi“ aŭ „dekliniĝi“. Por la nocio c) mi proponas „faltiĝo“, la supra parto de traba vando ja deformiĝas loke, aperas difekto simila al falto. La termino en (cs): *vyboulení*. La nocion d) jam antaŭ jaroj, en unu prelego, mi nomis „fatigo“, poste mi foje uzis „laciĝo“ (de materialo), ni komune elektu el inter ili.

## Postskribo

Mi petas vin, provu afable reagi al tiu ĉi letero baldaŭ, laŭeble antaŭ fino de februaro. Mi provos la pluan Ko-Fo pretigi pli rapide ol la lastajn du numerojn. Antaŭdankon kaj saluton!

*Brno 2007-02-02* *Jan Werner*